KAJEROJ EL LA SUDO

Bulteno de Hispana Asocio de
Laboristoj Esperantistoj (HALE)

Prezidanto:
Manuel López Hernández

Sekretario:
Fco. A. Antúnez Romero

Kasisto:
Tomás Caspe Cereijó

Sidejo:
Str. Sol, 75
E-41003 Sevilla (Hispanio)

---

Redaktoroj de la Bulteno:

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 26, 1º.
50002 - Zaragoza (Hispanio)

Miguel Fernández Martín
Santa Genoveva, 58
28017 - Madrid (Hispanio)

---

Kovrilo: desegnaĵo de Miĉi.

---

E N H A V O :

| | |
|---|---|
| Saluto kaj prezento | 3 |
| Kaj fine HALE ekpaŝas | 4 |
| Bonvolu ridi... sed ne tro | 6 |
| La malnovaj ŝuaĉoj | 7 |
| Nia movado | 10 |
| Ni legis por vi | 12 |
| Lirikaj paĝoj | 14 |
| Pioniroj | 16 |
| Dokumentoj el pasinto | 18 |

Noto:
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# SALUTO KAJ PREZENTO

Jen ni antaŭ vi, kompano, amiko, kamarado, unuafoje aperas... Ĉu unu plia bulteno en la panoramo de nia stereotipa gazetaro? Versajne jes. Nur unu plia. Nia koro ampleksas universojn, sed, komence, niaj monrimedoj liliputas, kaj nia organizo ne elrampis ankoraŭ el la vindoj. Ĉu grave? Tute ne! Ni posedas, tamen, sufiĉan dozon da amo, frenezo kaj aŭdaco por, estante samtempe laboristoj konsciaj pri tiu fakto kaj entuziasmaj esperantistoj, proponi al vi, ke ni kune, pere de ĉi paĝoj, prirevu justoplenan futuron, donkiĥotu kontraŭ la vampiroj kaj la ĉiopovaj, elverŝu, krom la tuta poezio de nia animo, nian galon kaj niajn disreviĝojn, spegulu, sume, la farton de la hispana laborista-esperantista movado. Nenio ankoraŭ pri definitiva strukturo. Nenio pri la ofteco ĉi-gazeta. Tion diktos al ni nur viaj temoj, viaj kunlaboraĵoj, la kvanto kaj la forto de la eventoj nin tuŝantaj, viaj bezonoj... Certu, ĉion spite, ke minimume unu fojon jare niaj kajeroj el la sudo flugos viahejmen, distrumpetos sian disdegnon al la tenebroj, tamburos sian fidon pri la utopio -la morgaŭa realo- kaj invitos vin kunpaŝi al la regno de la helo kun la sama humilo kaj modesto de niaj laborkostumoj...



Ek do al la plumo, kamaradoj! Nia dua numero jam avidas eloviĝi...

La Redakcio.

# Kaj fine HALE ekpaŝas

La afero ne estis facila, tute ne, sed ni atingis la celon. Kelkaj hispanaj SAT-anoj, ne multaj, projektis jam antaŭ longe, apenaŭ alvenis al ni la demokratio, fondi laboristan E-asocion en Hispanio, pli-malpli similan al tiuj jam ekzistantaj en aliaj landoj. Sur la fono staris kelkaj LEA-oj kiel modelo. Sed ni trovis survoje seriozajn barojn: unue, okazis provoj en la kataluna regiono, kiuj ne sukcesis... Kaj la projektoj ne sukcesis, ĉar la eventualaj membroj, grandparte, bedaŭrinde konfuzis la principojn kaj celojn laboristajn kun certaj aspiroj specife naciismaj. La fiasko estis ja neevitebla.




Kelkaj konsciaj katalunaj k-doj, fidelaj al niaj ideoj kaj sufiĉe inteligentaj por distingi laborismon de naciismo, donis al ni la solvon: "fondu vi mem, ekster Katalunio la asocion, kaj ni, katalunaj SAT-anoj, elkore kaj solidare kunlaboros kun vi en la komuna tasko". Ni plenumis la konsilon, faris la oficialajn demarŝojn kaj post longa atendado la asocio estis finfine oficialigita. Jen do HALE ĉe la sojlo de nia unua etapo.

Historie, ni diru, ke ne estas tiu ĉi la unua asocio de karaktero laborista naskiĝinta en Hispanio. Citindas la socialistaj E-grupoj "Libera Homo", de Madrido (1910), tiu de la Laborista Ateneo de Gijón (1911), la grupoj de Valencio kaj Kordovo, kaj elstare el ili, tiu de Bilbao, certe unu el la plej potencaj kaj aktivaj de Hispanio en la unuaj jardekoj de ĉi jarcento. Ankaŭ de karaktero laborista estis "Tero kaj Libereco" fondita en 1908 de Maŭricio F.Eixala en Barcelono, kaj aliaj ne tiel potencaj, kies mencio trolongigus la liston.

Jen, tiurilate, gravaj laboristaj-esperantistaj atingoj de niaj kolegoj per la menciitaj grupoj:

La akcepto fare de la sindikatoj kunvenintaj en Terrassa en 1904 de

propono prezentita de k-do J.Camps, por uzi nur Esperanton en la internaciaj rilatoj inter laboristaj organizoj.
Atentinda evento estis ankaŭ la Dua Sindikatista Kongreso okazinta en Madrido la 14an de Decembro 1919, kie la kunvenintaj sindikatoj aprobis inkludi en siaj respektivaj programoj la disvastigon de Esperanto, decidon adoptitan tiuokaze ankaŭ de la Racionalismaj Lernejoj, dependantaj de la sindikatoj (en tiu momento instruantaj en la vesperaj lernejoj pli ol 800.000 lernantojn en la tuta Hispanio).
Ni citu ankaŭ la decidon de la Nacia Kongreso de la Socialista Partio en 1928, rekomendintan al la Internacia Socialista Unuiĝo la alprenon de la lingvo Esperanto por la interpartiaj rilatoj en la tuta mondo. Samkongrese oni akceptis la proponon sendi reprezentanton de la Partio al la Internaciaj SAT-Kongresoj, kio efektiviĝis pere de la tiama socialista deputito Francisco Azorin Izquierdo.
Fine, ni menciu la 14an SAT-Kongreson, organizitan en Valencio en 1934 dank'al la streboj de la Laborista E-grupo de tiu urbo, kaj la anarkiismajn grupojn de Barcelono, tre potencajn en la jaroj antaŭaj al la civila milito, kun propraj vaste legitaj gazetoj.

Post tiu rapida rigardo al la historio de la laborista movado, ni devas aldoni kiel informon de niaj lastaj decidoj, ke en la pasinta monato Júlio kunvenis en Valencio la hispanaj SAT-anoj, kunvokitaj de la Provizora Komitato de HALE por ekfunkciigi la asocion, kaj decidis:

a) Elekti Prezidanto k-don Manuel López Hernández, kiu kune kun la SAT-anoj de Seviljo konsistigos la novan estraron de H.A.L.E., kies sidejo estos de nun: str. Sol, 75.- E-41003-SEVILLA.- Hispanio.

b) Redakti cirkuleron kaj sendi ĝin al ĉiuj hispanaj sindikatoj, proponante starigi E-kursojn en siaj respektivaj sidejoj jam en la komenco de tiu ĉi lernojaro.

c) Elekti niajn k-dojn A.Marco Botella kaj M.Fernández Martín kiel redaktorojn de kreota bulteno, organo de la asocio.

d) Ĉiuj membroj de SAT en hispanaj teritorioj estas de nun konside-

.-...

rataj kiel anoj de H.A.L.E., escepte de tiuj, kiuj skribe ne akceptos ĉi decidon. Ĉiu aŭtonoma hispana teritorio rajtas elekti sian reprezentanton en la estraro.

Pri la karaktero de H.A.L.E. sub diversaj vidpunktoj, post la polemiko pri lingvioj, teritorioj, naciismoj k.t.p., ni preferas prokrasti la komentariojn ĝis venontaj numeroj de nia organo.

Nun ni tute simple anoncas, ke H.A.L.E. vivas kaj jam ekpaŝas.

Antonio Marco Botella

---

## *Bonvolu ridi... sed ne tro*

Same kiel post tempesto ĉiam kalmas, imitante la Naturon, ni prezentas nun al niaj legantoj spritajn bildojn post serioza temo pritraktita en antaŭa artikolo. Ni nur pretendas, per bonhumoro kaj distro, kompensi niajn k-dojn kaj stimuli ilin al legado de la ankoraŭ restantaj paĝoj.

Pri frenezuloj.-

Sinjorino vizitis psikiatron. -Mia edzo, doktoro, ne estas sana. Li lavas la aŭtomobilon ĉiutage-

-Tio ne gravas. Mi mem ankaŭ faras tion-

-Jes, doktoro, sed la afero estas ke ni ne havas aŭtomobilon!-

...-...  ..-..  ...-...

Frenezulo promenas trenante brikon post si ligitan per ŝnuro.Alia promenanto kiu observas tiel strangan konduton diras al li serceme: -Kien vi iras kun tiu hundo?-

La frenezulo, tre serioze, respondas: -Ĉu vi ne rimarkas ke tio estas briko?-

-Ha, pardonu!- Sin ekskuzas la scivolema alparolanto.

Kiam la promenanto foriras, la frenezulo diras al la briko: -Rapidu,hundeto! Mi jam trompis alian.

Temoj de nia epoko.-

# La malnovaj ŝuaĉoj

He. Ni jam ne iras en ŝuaĉoj al la laborejo. La cerbumaj kapoj de niaj supermastroj komprenis samtempe, ke, se oni sukcesus nin turni en konsumantojn, oni trafus du celojn per unu ŝtono, t.e. ni fariĝus duoble ekspluatataj kaj, samtempe, sentante nin ĝisparoksisme kontentaj pro la fakto, ke ni produktus ne nur por la burĝaro sed ankaŭ por ni mem, akirus ŝafan mildon... Kia eltrovo!



Nu, jam niaj domoj ŝtopis sin per elektraj maŝinoj, kapablaj plenumi la plej diversajn -jen utilajn, jen vanajn- taskojn, surstrate eksvarmis niaj aŭtomobiloj ĝis plena tohuvabohuo, meze de neelteneblaj fulgo kaj bruego, niaj trotuaroj tapetiĝis per superbaj hundofekaĵoj -ho, la mirindaj kutimoj de la etburĝoj!-, kaj ni eksidis en ŝuldoj ĝis super la ŝultroj, dum la bankieroj frotadis al si la manojn pro ĝojo vendante al ni la durojn po ses pesetoj. Jen ni, hispanaj laboristoj, kvankam malfrue, alvenis al la ĝuoj de la konsumsocio, la renovigita vizaĝo de la olda kapitalismo, kiu, simile al la birdo fenikso, ne ĉesas esplori novajn rimedojn por renaskiĝi el sia propra cindro. Malgraŭ tio, se por la plimulto el la eŭropanoj Majo '68 restis jam iama revo kuŝanta forgeseje, kaj la floroj de Bob Dylan, Donovan kaj Joan Baez ekŝrumpis sur la fruntoj de la eksmodaj hipioj, nialande ĉe la stertorado de la diktaduro, ni, klaskonsciaj laboristoj, konstruadis kastelojn sur glacio kredante ebla profundan soci-ŝanĝon. Forpasis la diktatoro, kaj niaj stratoj pleniĝis de flagoj, niaj placoj de mitingoj, niaj fabrikoj de justaj depostuloj strike esprimitaj, kaj ĉio ĉi kune, ne tiu ulo aŭ tiu alia, venigis la demokration. La ĉefaj laboristaj partioj, laŭprograme respublikismaj, suferinte kuriozan memorperdon, akceptis sendiskute la reĝon jam proponitan de la diktatoro. De tiam kelkaj el ili eĉ daŭre panegiras al la monarko kaj in-

.-...

ĉensas al la monarkio. Venis pli poste la tempo alivesti sin. Markso kaj Lenino vidiĝis forpelitaj el la soĉialisma kaj komunisma partioj, respektive. Tiele, la unuaj vendis al ni senkafeinan soĉialismon kaj duaj eŭrokomunismon, strangan produkton, kiu semis grandan konfuzon inter la laboristaro kaj enhavis la ĝermojn de la divido kaj la de-truo. Post la komoĉia pajaĉajo de Tejero, kies deknaŭjarĉenta bildo ĉirkaŭiris la mondon estigante unu el la plej hontigaj momentoj el nia jusa pasinteĉo, nia politika-soĉia panoramo neniel diferenĉis, krom ke nia aĉetpovo ne pliboniĝis rilate al tiu de la plimulto el la Okĉident-eŭropaj landoj. Ĉi-kuntekste, nenio baris la vojon de niaj modernaspektaj soĉialistoj al la povo, des pli, ke nia tuta mal-dekstrularo, kun naiva fido pri iliaj promesoj rilate al soĉia ŝanĝo, al la starigo de ĉentoj da miloj da laborpostenoj kaj al nia NATO-eks-aniĝo, montris sin preta baloti por ili. Kaj fine ili venkis, kaj la ŝanĝo ekis. Ili ŝanĝis siajn vestojn: ekuzis ĉemizon kaj kravaton ans-tataŭ puloveron, kaj komenĉis modernigi nin, modernigi nian industrion, kio postulis la eksigon de miloj da laboristoj -jen vi havas!-, moder-nigi niajn rilatojn kun la mastraro, tiel, ke niaj soĉialistoj ali-iĝis en la plej efikajn administrantojn de la kapitalismo kaj en la plej mirindan rimedon kontraŭ ajna revoluĉia revo. Sed la unu sola guto, kiu plenigis la glason, estis sendube ilia sinteno okaze de la referendumo pri nia aparteno al NATO. Kiel ili jonglis per argumentoj jene resumeblaj: kiam ni diris"ne", fakte, ni intenĉis diri "jes"! Kaj ni, hispanaj laboristoj jam modernigitaj, eŭropeĉaj, lasante nin ĉerboŝtopi, ne kapablis taksi la amplekson de tiu unika ŝanĉo kontraŭ-stari la dividon de la popoloj en du armitajn blokojn, kaj ni donis nian jeson al niaj regantoj, por ke ili integru nin al la NATO kun aliaj Okĉident-eŭropaj landoj.

Nun ĉe ni regas feliĉo. Ne, ni jam ne iras en ŝuaĉoj al la laborejo, sed en plej laŭmodaj vestoj kaj, multaj, per belaj ŝuldosoĉiaj aŭtomobiloj, parkeblaj nur post milo da ruzajoj. La novaj teknologioj, kiuj en egaleĉa soĉio liberigus nin de pezaj taskoj

.-...

kaj disponigus al ni multe pli da tempo por kulturado de la spirito, en nia mona socio aŭ superbazaro, kie oni vendas eĉ la propran animon, ne nur prezentas niam glavon de Damoklo rilate maldungiteċon kaj senlaboreċon, ne nur liveras al la ŝtatoj la eblon komputori eĉ pri tio, kiom da fojoj ni amoras ĉiumonate, sed ankaŭ poluas niajn riverojn kaj aeron, pereigas niajn fiŝojn, niajn birdojn... Televizie oni indikas al ni, kiajn vestojn ni surmetu por brili super niaj amikoj, kiaj detergentoj donas laktoblankan helon al niaj ĉemizoj, kaj, pere de osċedigaj ŝablonaj filmoj, oni montras al ni, ke en Usono oni vivas kiel kuko en butero...

Kiel feliĉaj ni estas! Tiom, ke ni ploras, ploradas de...feliĉo. Verŝajne pro ĉiuj ĉi atingoj la vorto revoluċio estigas kaskadon da ridegoj en niaj asemoleoj, kaj niaj sindikatoj kapablas mobilizi nin nur pro monaj depostuloj.

Ne, ni jam ne iras en ŝuaĉoj al la laborejo, sed multaj el ni, frenezuloj: esperantistoj, verduloj, sennaċiistoj, anarĥiistoj, komunistoj, soċialistoj kaj poetoj, abomenas niajn novajn ŝuojn.

Miguel Fernández Martín

---

Bonvolu ridi... sed ne tro

Pri kuraċistoj.-

Malsanulo: -Do, kion mi devas fari, doktoro?-

Doktoro : -Testamenti-

...-...            ..-..            ...-...

Bestkuraċisto: -Sinjorino, vi maltrafis, mi nur estas bestkuraċisto. Kiu adresis vin al mi?-

Paċientino: -Mia bofilo, sinjoro-

...-...            ..-..            ...-...

Kuraċisto esploris artritismon ĉe maljunulino, kiu ekploris. Rigardante ŝiajn abundajn larmojn, la doktoro diris flegme: -Sinjorino, ne ploru! Mi jam diris tre ofte, ke la malsekeċo malutilas al vi!

Organizita de H.A.L.E. komencis kurso de Esperanto dum la pasinta Oktobro, en la sidejo de la sindikato C.N.T.-A.I.T. de Zaragozo, gvidata de kompetenta junulo k-do Antonio Valen.

Kontentiga la nombro da lernantoj kaj promesplena la futuro de la kurso, unue ĉar ĝi konsistas grandparte pri junuloj, kaj ĉetere ĉar ili projektas fondi esperantistan fakon en la sino de tiel grava sindikato.




Kuraĝigaj leteroj el eksterlandaj k-doj adresitaj al la menciita sindikato, Av. San José, 144-146.- E-50008-Zaragoza.-Hispanio, estos bonvenaj kaj dezirindaj.

...-...  ...-...

Ankaŭ en sama urbo kaj organizitaj de la Centro "Frateco" de Zaragozo, komencis du kursoj de Esperanto, unu en la propra sidejo de la veterana Societo gvidata de Miguel Angel Martin, kaj alia en la "Instituto de Idiomoj" de la Zaragoza Universitato, lerte gvidata de D-ro José Olavide.

Ni deziras sukceson al ĉiuj ili!

...-...  ...-...  ...-...

Nia ŝatata amiko Ramón Manau Torres, c/Montseny, 5 piso,08208 SABADELL (Barcelona), SAT-Peranto en Hispanio, anoncas la abonojn kaj kotizojn por la jaro 1989:

Plenkotiza SAT-aneco kun "Sennaciulo", prezas........ 1.800 ptojn.
Sama kotizo, nur valida por emeritoj, " ........ 1.350 "
Sama kotizo, junuloj ĝis 25-jara aĝo, " ........ 900 "
Nura abono al "Sennaciulo", . . . . . " ........ 1.350 "

SAT-Abonoj kaj kotizoj...

Nura abono al "Sennacieca Revuo", prezas . . . . . . . . 400,-Ptojn

Membreco al H.A.L.E. por SAT-anoj, kun gazeto . . . . 300,- "

" " " por ne SAT-anoj, " " . . . . 600,- "

Sendu pagojn al la indikita adreso de la SAT-Peranto.

...-... ...-... ...-...

Malagrabla novaĵo.-

Kun bedaŭro ni sciis pri la subita malsano de nia bona amiko kaj tre estimata Profesoro D.Juan Régulo Pérez, loĝanta en La Laguna, Kanariaj Insuloj.

Infarkto lezis lian vidkapablon, tiel grave, ke nur malfacile li povas legi. Verŝajne, la malsano estas neinversigebla, t.e. li neniam plu rehavos sian antaŭan vidkapablon, kvankam la kuracistoj asertis, ke li post iom da tempo povos repreni la antaŭan aktivaĵon, kompreneblas ke kun certa malfacilo.

Feliĉe, ĉiuj liaj ceteraj kapabloj restis netuŝitaj, sekve ni esperas, ke tre baldaŭ li povos denove labori, tiel brile kiel antaŭe.

Tutkore ni deziras al la bona amiko kaj elstara esperantisto, rapidan kaj kompletan resaniĝon!

...-... ...-... ...-...

Kunveno en la sidejo de "Madrida Esperanto-Liceo"(MEL)

La 22an de Oktobro, de la 10a ĝis la 8a vespere, esperantistoj el diversaj hispanaj regionoj okazigis en la sidejo de M.E.L. kunvenon, en kiu oni analizis la krizan situacion trapasatan de la hispana E-movado. Kvankam la nunaj momentoj malfacilas, ne mankas entuziasmaj homoj, pretaj laŭiri novajn vojojn, krei freŝaerajn trablovojn ene de Hispana Esperanto-Federacio (HEF).

# *Ni legis por vi ...*

Sur ĉi angulo de nia gazeto, regule rezervita por rezenĉoj de libroj kaj broŝuroj, ni aperigas hodiaŭ rezenĉetojn pri verkoj de hispanaj SAT-anoj antaŭ nelonge publikigitaj. Jen kelkaj el ili:

LA HOMA VIVAVENTURO, originale verkita de k-do Giordano Moya Esĉayola. Eldonita en 1987 de Barĉelona E-Ĉentro.-Str.Ĉarreras Ĉandi 36. 08028- Barĉelona (Hispanio).

La tragika hispana travivaĵo, sekvata de la tutmonda milito kune kun la elfalo de la moralaj valoroj, instigis la aŭtoron serĉi filozofion, kiu, en la formuladon de humaneca etiko, enkonsideru la grandecon de la homa rolo en la evoluado de la naturo. La verko celas formuli novan humaneĉan etikon, novan ekonomikan ordon, kaj estigi, per la forto de la esperantismo, novan ĉivilizaĉion.

Sendube, libro destinita al kleraj meditemaj homoj.

---

SANGA NUPTO kaj LA DOMO DE BERNARDA ALBA, originale verkitaj de Federiĉo Garĉia Lorĉa, laŭ traduko de k-do Miguel Fernández. Eldonita de Madrida Esperanto-Liĉeo,en 1987, str. Atoĉha, 98.-4º.- 28012-Madrid (Hispanio).

Temas pri du el la plej signifaj teatraĵoj de la mondfama hispana dramaturgo kaj poeto, fidele transponitaj surbaze de severa observado de la Lorĉa-aj versoritmoj kaj poezia universo, en kiun abundaj diversfontaj notoj helpas la leganton enprofundiĝi. En ambaŭ teatraĵoj, viroj kaj virinoj, ne agas kiel individuoj,sed kiel arketipoj de pasioj, sentoj kaj humanaj situaĉioj ekstertempaj, impulsataj de nebremseblaj primaraj fortoj ekster ĉia rezonado kaj intelektismo, kaj envolvitaj en ancestra fatalismo. La protagonistoj de tiuj dramoj havas kiel literaturaj anteĉedentoj la puran klasikan tragedion. Tre bona kaj fidela la traduko de k-do Fernández.



ANALOJ DE LA ESPERANTA MOVADO EN HISPANUJO, verkita de k-do Antonio Marco Botella. Mendebla ĉe "Frateco", str.San Vicente de Paul, 1.-E 50001-Zaragoza (Hispanio).

La sola fakto, ke nur unu jaron post la apero de ĉi duvoluma verko oni devis publikigi ties duan eldonon,sufiĉe elokventas rilate la grandan sukceson de ĉi monumenta kroniko pri nia centjara vivo. La aŭtoro prezentas al la leganto, en laŭtema kronologia tabelo, detalan priskribon de la hispana E-movado, kolektis plej gravajn eventojn, poemojn, konfliktojn, esperojn, kuriozaĵojn kaj atingojn, kaj samvoje komentas ilin respekteme kaj prudente. La rezulto de tiu, sendube peniga multhora laboro, estas tiu duvoluma verko, esenca por konatiĝi kun la hispana E-movado.

---

MIGUEL HERNANDEZ, POETO DE L' POPOLO.- Antologio de Hernández-aj poemoj elektitaj kaj transponitaj de k-do Miguel Fernández Martin. Eldonita de Grupo Esperanto Valencia, en 1988, Gran Via Fernando el Católico, 45.-3ª.- 46008-Valencia. (Hispanio).

En tiu ĉi Esperantlingva antologio de la plej gravaj poemoj de Miguel Hernández, unu el la zenitaj figuroj de la nuna hispana liriko, enkarcerigita de la Franko-a reĝimo kaj mortinta en la prizono de Alicante en 1942, la leganto trovos, krom po unu detala komentario antaŭ ĉiu el liaj libroj aŭ poemkolektoj, biografian resumon kaj notojn, nemalhaveblajn por ĝuste loki la poeton en ties pasia epoko.

Jen du el la poemoj de la libro:



## CITRONO

Ho citrono tute flava,
la patri' de mia febro!
Se mi lasos
vin flirtadi,
ho citron'
tute flava!,
al mi donos
vi resume
fulmo-brilon.

Se mi metos
vin sur pinton
montro-fingran,
ho citron'
tute flava!,
al mi donos
vi ĉineton
kun har-ligo,
eĉ la tutan
Ĉinion,
kvankam de sur
la anĝeloj
rigardata.

Se mi kaptos
vin perdente,
al mi donos,
ho amiko
kun amar'!,
vi minuton
da mar'.

## MADRIDO

Inter la kverkoj, la fagoj, la ŝtonoj,
la foliar' kun leĝera ostaro
ŝprucas de ŝtalo sensvena la sonoj:
ŝprucas la ŝtalo.

Urbo zorganta la brizan kvieton
spertas de fiaj pasioj la mordojn,
ovras la pordojn sam-kiel rideton:
fermas la pordojn.

Verda avid' intermure, en fumo,
ardas kun oraj malamo kaj sombro.
Sian retaron jam sternis la lumo
kontraŭ la ombro.

Fajro ne bridos ĉi urbon en streĉo,
vane rankor' laŭro-haken sin tiras,
kaj ĉi lavendo, ĉi rozo en peĉo
ĝojon elspiras.

Pordo fermita, drinkejo gaj-stata:
ne enŝloseblas karcere likvoroj.
Jen, trapikita de vivo malsata,
urbo de floroj.



## KOMENTOJ AL POEMO DE F. GARCIA LORCA

*LIRIKAJ PAĜOJ*



F. García Lorca

### La korno-vundo kaj la morto.- (1)

Je la kvina posttagmeze. (2)
Estis ĝuste la kvina posttagmeze.
Knabet' alportis la blankan littukon (3)
je la kvina posttagmeze.
Kalka korbo atendis antaŭvide (4)
je la kvina posttagmeze.
La ceter' estis morto, nure morto
je la kvina posttagmeze.

La vento foren portis la kotonojn
je la kvina posttagmeze.
Nikel' kaj vitro per oksid' sematas (5)
je la kvina posttagmeze.
Kolombo luktas kontraŭ leopardo
je la kvina posttagmeze.
Femuro kontraŭ korno angorplena
je la kvina posttagmeze.
Komenciĝis la sonoj de l' borduno (6)
je la kvina posttagmeze.
L' arsenika kloŝaro kaj la fumo (7)
je la kvina posttagmeze.
Ĉestratangule svarmas silentgrupoj
je la kvina posttagmeze.
La taŭro solas kun la koro supre! (8)
je la kvina posttagmeze.
Kiam la neĝa ŝvito ekaperis (9)
je la kvina posttagmeze,
kiam kovriĝis la aren' per jodo
je la kvina posttagmeze.
La mort' ellasis ovojn en la vundon (10)
je la kvina posttagmeze.
Je la kvina posttagmeze.
Je la, ekzakte, kvina posttagmeze.

Ĉerko kun radoj iĝis lia lito (11)
je la kvina posttagmeze.
Ostoj kaj flutoj tintas enorele
je la kvina posttagmeze.
La taŭro muĝis jam sub lia frunto
je la kvina posttagmeze.
La ĉambron ekirizis l' agonio
je la kvina posttagmeze.
Sur la foro jam venas la gangreno
je la kvina posttagmeze.
Antro lilia sub l'ingvenoj verdaj
je la kvina posttagmeze.
Liaj vundoj bruligis kiel sunoj
je la kvina posttagmeze.
Kaj la amaso rompis la fenestrojn
je la kvina posttagmeze.

Ve, la terura kvina posttagmeze!
Batis la kvinan ĉiuj mond-horloĝoj.
Estis la sombra kvina posttagmeze.

NOTOJ:

(1) Temas pri la unua el la kvar poemoj, el kiuj konsistas la impona kaj genia "Funebra kanto por Ignacio Sánchez Mejías", unu el la plej eksterordinaraj tiuspecaj lirikaĵoj en la hispana lingvo. Rimarkindas en ĝi la kunestado de dekunusilaboj (klera tendenco) kaj oksilaboj (la plej popularaj hispanaj versoj) blanke rimiĝantaj, la aparte belefektaj kuraĝaj vortfiguroj surrealisme esprimitaj, sed baziĝantaj sur plej pura realo, kaj la fakto, ke tute akcesora elemento ("la kvina posttagmeze") turniĝas en unurangan, fundamentan poezieron, kies alterna ripetado faras la poemon mirinde litanieca, kiel konvenas al funebra kanto.

Ignacio Sánchez Mejías estis unu el la plej grandaj ĉi-jarcentaj toreistoj, klera homo tiel inklina al la taŭroludado kiel al la literaturo, intima amiko de Federico García Lorca, Rafael Alberti kaj, ĝenerale, de ĉiuj poetoj de la renoma "Generacio de '27" kaj aŭtoro de interesaj teatraĵoj. Kornovundite la 11an de Aŭgusto 1934 en la taŭroludejo de Manzanares, li mortis en Madrido du tagojn poste.

(2) Je tioma horo komenciĝas la taŭroludaj spektakloj.

(3) Per tiu blanka littuko oni kovros la senvivan korpon de la toreisto, kies morto fatalas. (Fakte nur la fatalo aŭ la hazardo kondukis lin al la taŭroludejo de Manzanares kiel anstataŭanto de Domingo Ortega).

(4) Jen ree la fatalo superŝvebas la matadoron. Oni kutime surjetas kalkon sur la sangoflakojn kuŝantajn sur la areno.

(5) Tio neoksidebla oksidiĝas, tio neputrema putras...

(6) Nur la sonoj de la borduno, la plej bassonora kordo de la gitaro, preludoj al la plej animskua "flamenka kanto", nome la "siguiriya" (sigirija), povas esprimi la dramon.

(7) Halucinite, la poeto imagas koŝmarecajn operaciejon, anestezojn kondukantajn al la morto.

(8) Venkinte la homon, jen la besto aperas fierplena.

(9) Ignaĉio, sensanga, aspektis morte pala, kiam la "nigra ŝvito ekaperis" kaj la toreisto de lia taĉmento, post, kiam oni aplikis suprajn malinfekton ("kovriĝis la aren' per jodo), enambulanciĝis lin, plenumante liajn dezirojn esti transportata al Madrido.

(10) La ambulanco paneis survoje. Oni devis atendi la anstataŭajn peĉojn. Neĉesis ŝanĝi la bandaĵon de la vundito, dum terura varmo pliigis la riskon de infekto.

(11) Lia sufero, lia batalo kontraŭ la morto tiel violentas, ke, laŭdire, alkroĉiĝinte al la litkapaj kuprostangoj, li skuas la liton, kiu ruliĝas tra la ĉambro.

Trad. kaj komentoj de Miguel Fernández

---

# Pioniroj

EMILIO ARTIGAS Y TRIGO.-

Aragona instruisto, fervora kaj laborema esperantisto, unu el la plej kompetentaj sub lingva vidpunkto en Hispanio. Li esperantistiĝis en 1907, kaj en 1908 kunfondis la Esperantan Societon "Frateco" de Zaragozo, kies unua Sekretario li estis unuanime elektita.

Preskaŭ senhalte dum multaj jaroj, li gvidis E-kursojn al unu post alia generaĉio en la indikita E-rondo, inkluzive en la Zaragoza Universitato ankaŭ li oficiale gvidis E-kursojn.

Kiel liberpensanto li instruis profesie al laboristoj en la Raĉionalismaj Lernejoj dependantaj de la sindikatoj, kaj longe instruis ankaŭ en la prestiĝaj Lernejoj pri Libera Instruado.

Granda idealisto lojala al la SAT-prinĉipoj, li sindoneme laboris sen bombastaj elmontroj, tute modestoĉe, ĝis 1953, kiam li forpasis.

Marlous

# Dokumentoj el pasinto

Pripensinda dokumento.-

Ĉi-malsupre, ni fotokopias malnovan dokumenton pri la Laborista Internacia Movado, presita en 1920. Kiel niaj legantoj sendube konstatos, la celoj de la Laborista Movado apenaŭ ŝanĝis, internacie ni fakte progresis preskaŭ nenion. Kontraŭe, la kapitalismo aktualiĝis, sin prezentas eksternacie sub la formo de multnaciaj entreprenoj, tiel efike, ke ĝi jam regas la mondon, ĉu ni ankoraŭ daŭrigos dividitaj, kaŝitaj en tiuj ĉeloj nomataj nacioj?

Kamarado: pripensu kaj reagu energie kaj tuj!

Majo 1920.

## Kamaradoj el ĉiuj landoj !

Ĉi apude ni prezentas al vi la novajn statutojn de Liberiga Stelo, ŝanĝitajn laŭ datfreŝa referendumo de la nuna anaro.

Ŝajnas al ni superflue montri ĉi tie, la necesecon de tia Laborista Internacio. Certe, ĉiuj antaŭenemaj Esperantistoj, sentas la bezonon de tiu organizaĵo, kiu pli ol io ajn helpos al la triumfo de nia kara Idealo. Tamen, unu punkto el tiuj statutoj postulas klarigon. Liberiga Stelo fundamente malsimilas je la ĝisnunaj Internacioj. Ĉiuj Laboristaj Internacioj, estintaj kaj estantaj, pekas en sia strukturo mem : ĉiuj staras sur mallogika bazo, nome : la nacio kiel ĉelo. La nepra naciemismo de ĉiu nacia sekcio venenas la tutan asocion. Ĉiu sekcio penas — eble senkonscie — nur por si mem, nur por sia egoista naciemismo. Ho ! evidente ! sur la papero, la konkordo estas . . ., kaj ĉe la kongresoj, ĉiuj sekcioj reciproke ĵuras certan interhelpon. Tamen, dum la akraj krizoj, tiu unueco, tiu samceleco malaperas kaj, spite la penegoj de kelkaj fideluloj, cedas lokon al naciemismo, eĉ al ŝovinisma fluego kiu puŝas la hieraŭajn amikojn unu kontraŭ alian ! Tiam, ne plu da interhelpo, ne plu da frateco, sed malfidemo eĉ malamo. Fakte, la laborista Internacio ne ekzistas : ĉiu nacia sekcio estas aparta, aŭtonomia asocio, Ja ! ĉe iu ajn Internacio, pro la lingvodiverseco, preskaŭ devigaj estas la sekcioj, almenaŭ lingvaj sekcioj . . ., sed ni, Samlingvanoj, ni Esperantistoj, ni ne konas tiun baron. Kial, konservi tiun formsistemon, kiu sin montris tiel fatala ĉe ĉiuj laboristaj internaciaj institucioj. Forpuŝu tiun antikvan kaj danĝeran koncepton kiu sufokas la internaciisman senton mem. Ni povas kaj devas fondi sennaciecan Internacion. Al naciemismo opuzu ni integralan Internaciismon.

Ĉiuj komunistoj, kooperativanoj, liberecanoj, sindikatanoj, socialistoj el ĉiuj landoj, ĉiuj kiuj kvankam enviciĝintaj diferencajn partiojn, aliras al sama celo, nome : la estriĝo, la memstareco de la Laboristaro, ĉiuj unuiĝu, kuniĝu en nur unu Supernacia Internacio. Forjetu ĉi tiujn etiketojn kiuj nin dividas kaj ĝenas, kaj ilin anstataŭigu per la devizo : Revolucio.

Kamaradoj ! diskonigu, presigu nian alvokon, aniĝu, anigu L. S. Ni bezonas ĉies fortojn. Se ĉiuj antaŭenemuloj komprenas sian devon, nia Internacio estos potenca, kaj sin trudos al la Laborklaso, kaj tie estigos la veran Internaciismon kiu tiom mankas.

Nia agadkampo kaj patrujo estu : Homaro.

Nia celo estu : helpi al la starigo de la Universala Respubliko Laborista.

Frate al vi :

LA CENTRA KOMITATO DE L. S.

